


5a jaro Novembro 1935 N-ro 53

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

## MEMORINDAJ TAGOJ

9. 1869.—*Mortas la hispana filologo Sotos Ochando, elpensinto de projekto pri lingvo internacia.*

11. 1502.—*La hispanoj eltrovas la insulon Martinica.*—1918. *Fino de la tutmonda milito.*

19. 1532.—*Starigo de la unua presejo en Meksikio.*

20. 1497.—*Vasco de Gama preterpasas la kabo de la Fulmopluvoj (poste nomata «de la Bona Espero»).*

27. 1895.—*Fama testamento de la sveda doktoro Alfredo Bernardo Nobel.*

# RESUMEN DEL ACTA LXV DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

Se acordó por unanimidad, en la sesión celebrada el 14 de octubre de 1935:

1.° Aprobar el acta de la sesión anterior.

2.° Aprobar la propuesta de D. Julio Mangada a que se hace referencia en las actas LXIII y LXIV, publicadas en el número de octubre de la Revista, relativa a la edición del folleto «¿Qué es el Esperanto?», si bien reservándose el fijar el precio definitivo hasta que se haga la edición, pero con el propósito de fijar un precio más módico para los hea'anos. Para esta edición se acepta un préstamo de mil pesetas del Instituto Español de Esperanto.

En atención a que este folleto se ha de difundir también por la América Española, en las contracubiertas se pondrán señas y anuncios de las Sociedades esperantistas de aquellos países.

3.° Dar un voto de gracias a D. Julio Mangada por las gestiones que ha hecho por iniciativa propia para que en los próximos presupuestos se conserve la subvención a la Asociación. Por su parte, también la Junta hará las necesarias gestiones.

4.° Proponer a la Academia como *lingva-komitatanoj* a D. Teodoro Elizondo (de Bilbao) para la vacante que produjo en 1934 D. Julio Mangada por dimisión, y a D. Francisco Azorín (de Córdoba) para la producida por el fallecimiento de D. Mariano Mojado. Ambos samideanos han sido propuestos por el Instituto Español de Esperanto; el primero es autor, entre otros trabajos, de un diccionario esperanto-vasco; el segundo es autor de la «Universala Terminologio de Arkitekturo».

5.° Que en lo sucesivo sólo se publique en la Revista un resumen del acta de la Junta, en vez de publicar el texto íntegro.

El secretario, *Fernando Redondo.*

---

# NIA XIª ESPERANTO - KONGRESO en BARCELONO

Kara samideano!: Vi ja scias kiom faradas H. E. A. por sukcesigi pli kaj pli nian karan lingvon en nia patrolando; nun H. E. A. alvokas ĉiujn hispanajn esperantistojn al nia XIª Kongreso okazonta en la belega urbo Barcelono. Kara samideano, ŝparu monon por ĉeesti nian XI-an Kongreson kaj ĝui agrablajn tagojn dum printempo en Barcelono. Sendu kiel eble plej baldaŭ vian aliĝon al la Sekretario

de la Kongresa Komitato, S-ro. Jozefo Anglada, strato Sitjas, 3, principal, Barcelono. (La madridanoj povas pagi ĉe la Sekretariejo de H. E. A., strato Chinchilla, 2, de la 6ª ĝis la 8ª vespere). Samideano ne neu vian etan helpon al la Loka Komitato de la Kongreso ĉar tiamaniere pli brila estos nia proksima Kongreso. Sendu tuj vian kotizon.

Kotizoj : Por Kongresano, 5 pesetoj.
Por Grupoj, 10 pesetoj.

La Organiza Komitato konsistas el fraŭlinoj Sara Ullastres Albert (regiona voĉdonantino de H. E. A.), Carmen Viladesau Salvadó kaj Amparo Labrador, kaj sinjoroj Francisko Gorgues Torredeflot (regiona voĉdonanto de H. E. A.), Jozefo Anglada Prior (id.), Anĝelo Valdepeñas Lloveras, Francisko Vilá Costa, Johano Campdelacreu Forés, Johano Flaquer, Valentín Llobregat, Martín Buscató, Petro Navarro kaj Antono Anglada Fernández.

La Kongreso okazos de la 31ª de majo ĝis la 7ª de junio, tio estas, dum Pentekosto. Tiam oni lumigas la fontanojn de la Ekspozicio, kio estas mirinda kaj alloga spektaklo, kaj la 2-an de junio okazos la malfermo de la Barcelona Specimena Foiro.

---

## LA GUERRA

El Hambre asoma su jeta,
su jeta de pergamino.
La Peste emponzoña el aire
resinoso entre los pinos.
Expectación. Ansiedad...
(Nadie se acuerda de Cristo.)
Cuatro jinetes se calzan
sus espuelas de oro fino,
de oro comprado con sangre,
sangre de muertos y heridos.
Hay un caballo bermejo,
hay un caballo amarillo,
hay otro negro, otro blanco.
Cuatro caballos distintos.
En el espacio, en los mares,
tierra adentro, sus anillos
remueve el monstruo de fuego
perfectamente científico.

## LA MILITO

Malsato denove montras
vizaĝon el pergameno.
Kaj Pesto nun inter pinoj
infektas rezinaeron.
(Neniu memoras Kriston.)
Jen miro. Jen la konsterno.
Rajdantoj kvar l' orajn spronojn
sinmetas, ve!, kun kontento;
la sango de l' homoj estis
por oraj la spronoj prezo.
Jen unu ĉevalo ruĝa,
alia kun flava felo,
aliaj du, nigra, blanka;
al ili jen diferenco.
La monstro el fajro ĉien,
ĉe l' spaco, ĉe l' mar' kaj tero
iradas nelacigeble
mortigi laŭ la scienco.

(Sylock piensa en su dinero;
las mujeres, en sus hijos.)
Alrededor de una mesa,
los más sesudos políticos
hablan de Paz. Se impone
evitar un gran conflicto.
Mientras, los cuatro jinetes
ponen el pie en el estribo.

UN MINUTO DE SILENCIO

Por los que todo lo dieron.
Por los que todo lo perdieron
ganando sólo un laurel.
Laurel en serie, reverdecido
en la tumba, labrada a cincel,
del soldado desconocido.

J. ORTIZ DE PINEDO

(Pri filoj, patrinoj pensas;
de Sylock, en monon, penso.)
Sidante ĉe tablo, ĉirkaŭ,
parolas, pri la problemo
eviti militon, homoj
plej gravaj kun saĝa cerbo.
Sed ĉiu el kvar rajdantoj
eksaltas dume sur selon.

MINUTON DA SILENTO

Donintaj, perdintaj, tuton,
por ĉiuj, silentminuton,
gajnintaj la laŭron; sole
serie freŝigas ĝin la Fato
ĉe l' tomb', situata ja izole,
ve!, de nekonita la soldato.

*Tradukis esperanten:*
JULIO MANGADA ROSENÖRN

El «La Libertad» de Madrido (5-an de la X[a] de 1935).

---

## SOTOS OCHANDO

Li naskis en Casas Ibáñez (hispana provinco Albacete) 5-an junio 1781[a], kaj mortis en Munera (sama provinco) 9-an novembro 1869[a]. Li estis doktoro pri Teologio, kaj deputito en 1820[a]. Restarigita la despota reĝimo de Ferdinando VII[a], dank' al la helpo de la cent mil soldatoj de la duko de Angoulème, Sotos Ochando migris al Francujo por savi sian vivon. Tie li estis profesoro de la filoj de la franca reĝo Louis Philippe, kaj en 1840[a] revenis al Hispanujo. Li fondis la Liceon de Albacete kaj estis profesoro de la Centra Universitato de Madrido.

En 1851[a] li publikigis projekton pri universala lingvo, kiu estis aprobata de multaj eminentuloj kaj la Parlamento konsentis por li subvencion. Li iris en Parizon kaj la Lingvistika Asocio informis tre favore lian projekton.

Reveninte Hispanujon li starigis «Asocion de la Universala Lingvo», kiu publikigis bultenon. Liaj ĉefaj verkoj estis: *Provo de Universala kaj Filozofa Lingvo* (1851[a], 1859[a] kaj 1862[a], tradukita france), *Vortaro de la Universala Lingvo* (1862[a]), *Gramatiko de la Universala Lingvo* (1863[a]), *Libreto pri la Universala Lingvo* (1865[a]).

Kompreneble, lia projekto estis multe malpli perfekta ol Esperanto. Oni povas vidi ĝin resume sur HISPANA ESPERANTO-GAZETO (januaro 1935). Tamen, ni ne forgesu tiun pioniron de internacia lingvo (li volis *universalan*), kiu celis, kiel nia Majstro, la fratiĝon de ĉiuj homoj.

## PAĜOJ POR MIA ESTONTA GRAMATIKO

### PRI INFINITIVO KAJ PARTICIPO

Kiam mi unuafoje legis sur «Lingvaj Respondoj», ke same kiel oni diras «mi vidis lin sana» (=«ke li estas sana»), tiel oni povas ankaŭ diri «mi vidis lin kuri» (=«ke li kuras»), mi tuj ekkonsciis, laŭ mia modesta opinio, ke ĉi tiu aserto povus esti origino de eblaj eraroj.

Ni vidu tion, kio okazas:

Se li *kuras*... li estas *kuranta*.

Se mi vidis lin, *ke li kuras*... mi vidis lin *kuranta*.

Do: se *mi vidis lin kuri = mi vidis lin kuranta*

ankaŭ *kuri = kuranta*.

«Infinitivo estas kvazaŭe verba substantivo», kaj esprimas abstraktan ideon, dum participo estas jen adjektivo jen verbo, kaj ĉiam esprimas konkretan ideon. Oni ne povas akcepti jenajn egalecojn:

*abstrakta ideo = konkreta ideo,*

$$\textit{substantivo} = \frac{\textit{adjektivo}}{\textit{verbo}} = \textit{participo}.$$

Grandanimeco aŭ troa kontentigemo aŭ toleremo de nia kara Majstro igis lin akcepti tian nelogikaĵon, kiu plie estas imitaĵo aŭ kopio de nacilingva esprimaĉo (idiotismo).

Esperanto, sendube, produktos siajn idiotismojn (ekzistas jam «sidiĝi» anstataŭ «sidigi sin», kaj aliaj), sed ĝi ne devas toleri aliajn idiotismojn, krom la naskitaj de la Esperanto mem. Alie, Esperanto estus kvazaŭ sitelo, en kiun multenombraj kranoj enverŝas senĉese siajn ĉiajn malpuraĵojn.

* * *

Fakto pravigis min!

Antaŭ ne longe, mi legis sur altevalora kaj grava raporto de D-ro. Lippmann, ke «anstataŭ la predikata (ne la atributa) participo de la estanta tempo oni povas uzi post verboj de perceptado (vidi, aŭdi, senti) ankaŭ la infinitivon same kiel post fari, iĝi kaj lasi».

D-ro. Lippmann diras, ke tia uzado de la infinitivo «staras konforma al la reguloj de gravaj naturaj lingvoj», kaj apogas sin, por pliaŭtoritatigo, sur la supre dirita punkto de «Lingvaj Respondoj».

Li proponas la jenajn ekzemplojn:

«Ni lasu lin *kuŝi* (anstataŭ *kuŝanta*). Liaj vortoj faris (aŭ igis) ŝin *ruĝiĝi* (anstataŭ *ruĝiĝanta*). Mi aŭdis ŝin *kanti* (anstataŭ *kantanta*). Mi vidis la knabojn *ludi* (anstataŭ *ludantaj*).»

El ĉi tiuj ekzemploj mi elĉerpas la lastan, kaj en ĝi mi ŝanĝas la infinitivon *ludi* per *bati*.

Tiel ni ricevas la jenan propozicion: *Mi vidis la knabojn bati.*

Ĉu ĉi tiu propozicio estas korekta kaj klara? Neniel; ĉar ĝi estas duba.

La unua kaj plej supera esperanta gramatika regulo estas la klareco, kaj per la propozicio «Mi vidis la knabojn bati», oni ne scias ĉu la knaboj estas «batantaj» aŭ «batataj».

Jen du klaraj propozicioj:

*Mi vidis la knabojn batantaj*;

*Mi vidis la knabojn batataj*.

La du vortoj, «batantaj» kaj «batataj», estas predikataj participoj de la estanta tempo.

Oni ne povas redukti la du proponitajn propoziciojn al unu, nome: *Mi vidis la knabojn bati.*

Kial, do, oni pretendas anstataŭi la predikatajn estantajn participojn per infinitivoj?

* * *

En lingvoj naturaj (mi celas katalunan kaj hispanan lingvojn) oni ne povas diferencigi la adjektivojn kaj la participojn atributajn de la predikataj, nek montri (escepte, nur en tre maloftaj okazoj) la aktivecon nek la pasivecon de la participoj.

*Ekzemploj*

Esperantaj: 1. «Lasu la teleron *puran*».—2. «Lasu la teleron *pura*».—3. «Petro vidis la birdojn *pentritajn*».—4. «Petro vidis la birdojn *pentritaj*».—5. «Oni vidis la kuniklojn *manĝantaj*».—6. Oni vidis la kuniklojn *manĝataj*».

Hispanaj: 1+2=«Deja el plato *limpio*».—3+4=«Pedro ha visto los pájaros *pintados*».—5+6=«Se ha visto *comer* los conejos».

Katalunaj: 1+2=«Deixa el plat *net*».—3+4=«Pere ha vist els ocells *pintats*».—5+6=«Hom ha vist *manjar* els conills».

Komparu la lingvan riĉecon de Esperanto kun tiu de la du cititaj lingvoj, kaj atentu ĉu oni akirus grandan profiton, se oni dirus «Oni vidis la kuniklojn *manĝi*» anstataŭ la 5-an kaj 6-an ekzemplojn, same kiel hispan- kaj katalunlingve.

* * *

Nun ni iru al la unua ekzemplo, proponita de D-ro. Lippmann: «Ni lasu lin *kuŝi*».

Ĉu ĉi tiu propozicio estas korekta?

Jes; ĝi estas korekta, sed neniel samsignifa al «Ni lasu lin *kuŝanta*».

La propozicio «Ni lasu lin kuŝanta» signifas: *en la preciza momento, kiam ni lasas aŭ lasos lin, li estas en horizontala kaj ripoza situacio, ĉu li volas aŭ ne;* en ĝi oni nur konstatas la staton de *li*, kiam ni lasas aŭ lasos *lin.*»

La propozicio «Ni lasu lin kuŝi» signifas: *ni volcru aŭ ni permesu, ke li kuŝu, ĉu li kuŝas aŭ ne en la momento, kiam ni esprimas la penson.*

Estas rimarkinde, ke la infintivo en tiaj okazoj, kiam ĝi ne estas anstataŭebla per taŭga participo, ĝi estas *verba komplemento,* aŭ pli bone dirite, *elemento de verbo kompleksa.*

En la propozicio «Ni lasu lin kuŝi», la verbo estas la esprimo «lasi kuŝi», kiun oni povas diri per unu vorto: «kuŝilasi» aŭ «kuŝ-lasi». (Oni ne devas diri «kuŝlasi» pro fonetikaj konsideroj, pri kiuj mi iam parolos).

«Lasi» estas la ĉefa elemento (tial oni skribas ĝin la lasta ĉe la kunmetita vorto «kuŝilasi» aŭ «kuŝ-lasi»), kaj «kuŝi» estas la komplementa elemento.

PARADIGMO

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| *Mi, ci, li, ŝi, ĝi, ni, vi, ili, oni* | *kuŝilasas*<br>*kuŝilasis*<br>*kuŝilasos*<br>*kuŝilasus*<br>*kuŝilasu* | aŭ | *kuŝ-lasas*<br>*kuŝ-lasis*<br>*kuŝ-lasos*<br>*kuŝ-lasus*<br>*kuŝ-lasu* | aŭ | *lasas kuŝi*<br>*lasis kuŝi*<br>*lasos kuŝi*<br>*lasus kuŝi*<br>*lasu kuŝi* | *lin.* |

Hiperbatone (1) oni diras, ekzemple,

«*Mi lasas lin kuŝi*» anstataŭ «*Mi lasas kuŝi lin*»
«*Ni lasu lin kuŝi*» » «*Ni lasu kuŝi lin*»
k. t. p. k. t. p.

* * *

En aliaj okazoj, la infinitivoj estas veraj substantivoj.

Ekzemploj: «*Brili* la suno estas bela spektaklo. Tamen, por avarulo, estas pli bele *kalkuli* monerojn.»

Ĉiam oni devas preferi (preferdevas) la uzadon de la substantivaj formoj.

---

(1) Pro hiperbatono. HIPERBATONO (Grek. = *hypérbaton*; Lat., Ang., Port. kaj Ger. = *hyperbaton*; Ital. = *Iperbato*; Franc. = *hyperbate*; Hisp. = *hipérbaton*; Kat. = *hipèrbaton*) estas gramatika konstrua figuro, per kiu oni ŝanĝas la ordon de la vortoj en sintakse regula propozicio. Ekzemploj de propozicioj laŭ sintaksa aranĝo: *Antono aĉetis du belajn ludilojn por siaj ĉarmaj infanoj. Mi aŭdis kanti ŝin.* La samaj propozicioj kun hiperbatono: *Antono aĉetis por siaj du ĉarmaj infanoj du belajn ludilojn. Mi aŭdis ŝin kanti.*

Ekzemple: «*Brilado* de la suno (aŭ *Suna brilado*) estas bela spektaklo. Tamen, por avarulo, estas pli bela la *kalkulado* de moneroj.»

* * *

Infinitivo naskas participojn. Ekzemplo:

MANĜI: *manĝanta, manĝinta, manĝonta; manĝata, manĝita, manĝota*. Ankaŭ: *manĝante, manĝinte, manĝonte; manĝate, manĝite, manĝote*. Kaj ankaŭ: *manĝanto, manĝinto, manĝonto; manĝato, manĝito, manĝoto*.

Ĉiu el la ĉi supraj vortoj havas sian propran signifon.

Se oni volas trafe paroli, neniam oni ŝanĝu unu per la alia, eĉ nek per la infinitivo.

Septembro de 1935ª. SAMUEL ROCA I RODÓ

## ESPERANTO KAJ RADIO

Dum la nuna novembro kaj venonta decembro oni povas aŭdi esperante per radio (krom kursojn de nia lingvo kaj interesajn informojn) jenon (me-eŭropa tempo):

El *Ĉeĥoslovakujo*.—La 6-an de novembro, de la 22'15 ĝis la 23,15 (esperanta horeto) la utopian dramon de Karel Ĉapel «Rur». Sendstacio, Brno, Praha I.

La 30-an de novembro je la sama horo, duan paroladon el la ciklo Ĉeĥoslovakujo laboranta, titolatan *la arto*.

El *Nederlando*, ĉiudimanĉe ĝis la fino de la jaro, prelegon de X. R. O. (katolika asocio). Proksimume ĉiudusemajne paroladon de V. A. R. A. (laborista asocio).

El *Polujo*. La unuan kaj trian mardon de ĉiu monato, de la 21'45 ĝis la 22'00, prelegojn.

El *Aŭstrujo*, proksimume ĉiudusemajne prelegojn. Ankaŭ oni diskonigas per radio informojn pri la 28ª Kongreso, kies Solena Malfermo okazonta dum aŭgusto estas dissendota radie.

El *Svisujo*, el *Italujo*, k. t. p. Informojn pri radiodissendoj oni povas trovi sur «*S. O. S. bulteno*» eldonata de Radio Club Espérantiste de France (26, Av. Dode de la Brunerie, Paris XVIᵉ) kaj sur *Ĉeĥoslovaka Radio Bulteno* redaktata de la «Verda Stacio» Radio journal (Kounicova, 44, Brno), kiu publikigas interesajn informojn pri la esperanta disaŭdigo en Ĉeĥoslovakujo.

Oni petas publikigi sur naciaj gazetoj tiujn gravajn novaĵojn kaj sendi ekzemplerojn (aŭ almenaŭ eltranĉaĵojn, por pli malmultekosta afranko) al Radiojournal Brno (Kounicova, 44) por la esperanta fako de la biblioteko de la Nacia Muzeo de Praha, kie oni konservos ilin zorge.

emas ĉasi kolomboj), *furo* (uzata por ĉasi kuniklojn en ilia subterejoj), *gulo*, *herpesto* (el Afriko kaj Sud-Hispanujo), *mefito* (el Ameriko, odoranta malagrable), *melo* (domaĝanta la abelujojn), *mustelo* aŭ *martmustelo* (griza aŭ dubeflava, ĉasata pro sia felo), *lutro* (kun bela pelto, vivanta ĉe la bordoj de riveroj kaj lagetoj, kie ĝi naĝas kaj ĉasas), *putoro* (ĉasanta kokinojn), *galputoro* (vario de putoro).

La *feloidoj* estas grandaj kun kaŝeblaj ungoj, kaj danĝeraj por la homo. La reĝo de la s., granda, majesta, *leono*. Afrika leonsimila s. kun makuloj, *leopardo*; azia leopardo, *pantero*. Genro de leopardoj, *concio*. Dubeflava s. kun nigraj transversaj strioj, *tigro*. Malgranda hejmigita s., *kato*. Sovaĝa kato el Afriko, *servalo*. Sovaĝa kaj granda kato el Ameriko, sed pli malgranda ol pantero, kaj kun brunaj makuloj ringoformaj, *panterkato*. Amerika s. kun makuloj kiel pantero, sed ne tiel bela felo kiel tiu de panterkato, *jaguaro*. S. kun ornamaj haroj en la oreloj kaj vigla vidado, *linko*.

La *hienoidoj* estas noktaj s-j., kun la antaŭaj piedoj pli longaj ol la postaj. Specoj, *hieno, protelo*.

La *hundoidoj* havas longajn krurojn kaj pintan vizaĝon. Hejma s. karakterizata de fideleco al homo, alta inteligenteco kaj vigla flarsento, *hundo*. Specoj de hundoj: granda forta, kun malgrandaj oreloj kaj staranta vosto, *dogo*; pli malgranda ol la dogo, kun elstarantaj makzeloj, *buldogo*; kun longaj hirtaj haroj, facile dresebla, *grifono*; kun longaj frizitaj haroj, *pudelo*; granda, gardohundo, *laniario*; ia angla, *biglo*; sovaĝa, similanta lupon, *ŝpico* (laŭ Verax) (1); ĉasanta kun longaj kruroj, *grajhundo*; kun mallongaj kruroj, utiligata por ĉasi kuniklojn en iliaj subteraj rifuĝejoj, *vertago*, aŭ por elterigi vulpojn kaj melojn, *melhundo*. S. kun flava felo kaj longa kolo, *vulpo*; blueta vulpo, *isatiso*. Grizruĝa s., kies bleko estas bojosimila, *ŝakalo*. S. el varmetaj kaj malvarmaj regionoj, kiu foje atakas are eĉ la vilaĝojn, *lupo*. Amerika s. simila al lupo, *kojoto* (*latro*, laŭ Verax).

**Simioj.**—Specoj de s-j., *makako* (el Moroko kaj Gibraltaro), *midaso* (malgranda), *hapalo* (el Sud-Ameriko, la plej malgrandaj, kun vosto), *cinocefalo* (el Afriko, kundosimila), *lemuro* (el Madagaskaro, katosimila), *semnopiteko* (el Azio), *geopiteko*, *keiromo* (el Madagaskaro, malgranda kun plata ungo sur la dikfingroj de la mano), *aluato* (blekema, kaj vivanta are). Vulgara nomo de la cinocefalo, *paviano*. Lemursimilaj s-j., *galago* (manĝanta insektojn), *loriso*, *tarsio*. S. plej-

---

(1) Laŭ Kabe, *ŝpico* estas ĉambra malgranda hundo, sed la difino de Verax ŝajnas al mi pli konsilinda.

simila al homo, kaj foje marŝanta vertikale, *antropoida*. Antropoida plejgranda s., el Mez-Afriko, tiel alta kiel homo, *gorilo*. Antropoida s. el Borneo, *orangutango* (en bornea lingvo, *orangutang'* signifas «homo de la arbaro»).

**Homoj.**—Ili estas plej superaj mambestoj, diferencantaj de la ceteraj precipe pro sia animo kaj spirito (Vidu «XII.—Anatomio», sur la paĝo 52ª, kaj «IV.—Popoloj. Homrasoj», sur la paĝo 13ª). Scienco pri la h. kaj la rasoj, *antropologio*; scienculo, *antropologo*.

Kio estos niaj idoj, kiam pro evoluado ili trapasos la limojn de la homeco, *superhomoj* (vorto ankaŭ uzata en figura senco, por montri homon eminentan).

* * *

Iuj el la menciitaj bestoj, precipe birdoj, havas la nomon de la lando aŭ de la maro kie ili estas plejoftaj. Nome:

Kun nomo de urboj: *kaira* (el Kairo). De insuloj: *britinsula ciklada, ĉipra, korsa, sarda, spicberga*. De landoj: *alpa* (el Alpoj), *angla, eskima, hispana, itala, laplanda, rusa, siberia, skotlanda, usona*. De maroj: *atlantika, kaspia, pacifika*. De geografiaj ĝeneralaj nomoj: *dezerta, laga, marĉa, mezmara, rivera*. De partoj de la mondo: *eŭropa, mezeŭropa, azia, eŭropazia, afrika, malnovmonda* aŭ *malnovkontinenta, amerika, sudamerika, arkta* aŭ *boreala*.

# HOMO

## XIX. — SENTOJ KAJ PSIKOLOGIO

**Ĝeneralaĵoj.**—Lumo, bruo, parfumo, varmo, gajeco, doloro, k. c., *influas* sur ni (aŭ *impresas* nin), kaj ni *sentas* tiun influon. Kapablo senti korpe aŭ spirite ion, *sento*. Korpa sento, *sentumo*, *senso*; spirita, *sentimento*. La sentumoj estas kvin: vid—, aŭd—, flar—, gustum— kaj tuŝ—sento. Scii ion per la sentoj, *percepti*. Granda impreso, *sensacio*. Eksciti la sentojn, *piki*. Kio forte pikas, *akra*. Akre impresanta la sentojn, *sovaĝa*. Aĵo perceptebla per la sentumoj, *konkreta*; ne perceptebla, *abstrakta*.

Percepti la lumon kaj la bildojn, *vidi*; la sonojn, *aŭdi*; la odorojn, *flari*; la impreson kaŭzatan da substanco sur la lango kaj palato (tio estas, la *guston*), *gustumi*; la impreson kaŭzatan de objekto sur la parto de la korpo, precipe sur la fingroj, per senpera kontakto kun ĝi, *tuŝi*.

SENSARO.—Havi malprecizan kaj instinktan impreson pri io estonta, *antaŭsentumi* (ekzemple, *antaŭvidi, antaŭflari*, k. c.). Sin trompo konsistanta el sentumado de neekzistantaj objektoj, *halucino, halucinacio*. Eraro de la sentoj, *iluzio*.

**Vido.**—Vidi atente, *rigardi*. Fari ion videblan, *montri*. Fariĝi videbla, *aperi*. Kio estas precize videbla, ne konfuze, *neta*. Nevidebla, sed kio ekzistas kaj estas aperigebla (ankaŭ en figura senco), *latenta*. Unuafoje ekvidi ion perditan aŭ nekonatan, *trovi*. Peni trovi, *serĉi*. Forigi de ies okuloj, *kaŝi*. Trovi ion kaŝita, *malkovri*. Meti objekton sur alia por kaŝi tiun alian, *kovri*. (En figura senco, *vuali, kovri*). Nekovrita, *nuda*.

Partikulo por montri ion, *jen*. Vitroj, kiujn oni metas antaŭ la okuloj por vidi plibone, *okulvitroj*. Ili povas esti por nur unu okulo (*monoklo*), aŭ por ambaŭ kaj garnitaj per muntaĵo por fiksi ilin sur la nazo (*nazumo*) aŭ sur la oreloj (*branĉvitroj*). Optika ilo tuba por vidi malproksimajn objektojn per unu okulo, *lorno*; per ambaŭ, *dulorneto, binoklo*; proksimajn, sed nevideblajn per nuda okulo pro ilia malgrandeco; *mikroskopo*; astrojn, *teleskopo*.—*Optiko* (Vidu «XXXVII.—Fiziko»).—*Koloroj* (Vidu «XLV.—Pentrarto»).

**Aŭdo.**—Aŭdi atente, *aŭskulti*. Tio, kion oni aŭdas, *sono*. Facile malproksime aŭdebla, *laŭta*. Sono, laŭta aŭ ne, sed kun granda vibrado, *akuta*; kun malgranda, *obtuza*. Sonoj fortaj senharmonie miksitaj, *bruo*. Agrabla por la aŭdsento, *dolĉa*. Ne eligi sonon, ne fari bruon, *silenti*. Malklara mallaŭta sono, *murmuro, susuro, flustro*; akra, forta, kiel farita de ventego aŭ maro, *muĝo*. Sono produktata de bato, *frapo*; de la eksplodo de pulvo, *pafo*; de rado ne ŝmirita de graso, *knaro*; de io rompanta, *krako*; de la salo ĵetita en la fajron, *kraketo*; de la akvo batata per mano, remilo, k. c., *plaŭdo*; de l' frotado de du malmolaj korpoj, malagrabla sono, *grinco*. Sono incitanta ĉe la dentoj aŭ la nervoj, *agaco*. Sono produktata de besto per ĝia laringo, *bleko*; de homo, *voĉo*. (Sonoj produktataj de bestoj, vidu paĝon 63-an, liniojn 10 m — 3 m). Akra momenta voĉsono, *krio*. Fari sonojn blovante tra funele metitaj lipoj, *fajfi*. Sono produktata de vento aŭ de kugletoj, simila al fajfo, *fajfo*. Fari sonon *zzzz*, kiel abelo aŭ muŝo, *zumi*; fari sonon *ssss*, kiel serpento, *sibli*. Sono muzika, *tono*. Fari sekan mallongan sonon, ekzemple, brubatante la manojn, *klaki*. Sono, kiu daŭras post la ĉeso de siaj kaŭzoj, *sonoro*. Tremanta sonoro, kiel tiu de spronoj, *tinto*. Tremo de sonanta korpo, *vibro*. Sono klare reflektita de malproksima supraĵo, *eĥo*.—*Fonetiko* (Vidu «XXXVII. Fiziko»).—*Muziko* (Vidu «XLIV»).

**Flaro.**—Sento ekscitata ĉe la nazo per enspirado, *flaro*; kio ĝin ekscitas, *odoro*. Kio rilatas la flarsenton, *olfakta*. Bonodoro de vegetaĵo, *aromo*. Ĉiu agrable odoranta substanco, *aromato*. Doni per aromato agrablan odoron al io, *aromati*. Bonodora substanco solvita en alkoholo, *parfumo*. Bonodora rezino de iaj vegetaĵoj, *balzamo*. Aromato ekstraktata el glando de samnoma remaĉulo, *mosko*; el glando de cibetkato, *cibeto*. Artefarita substanco odoranta kiel mosko, *mosko*. Bonodora likvaĵo produktata per distilo, *esenco*.

Solida karbonhidrato de forta odoro, uzata kontraŭ la tineo, *naftalino*. Malbonodora venena gaso eliganta el brulanta korpo, *haladzo*.

**Gusto.**—Sento ekscitata ĉe la lango kaj palato per manĝado aŭ trinkado, *gusto*. Agrabla gusto, kiel tiu de sukero aŭ mielo, *dolĉa*; kiel tiu de la salo, *sala*. Maldolĉa, *amara*. Malagrabla gusto (kaj odoro), kiun la nutraĵoj ricevas de malseka aŭ neaerumita loko, *mucida*; de malkomponiĝo, *ranca*.

**Tuŝo.**—Almeti la manon al io, *tuŝi*. Tuŝi por esplori, *palpi*. Eksciti la ridon per delikataj kaj ripetataj t-j. de la haŭto, precipe de la akselo, *tikli*. Stato de objektoj kiuj tuŝas unu la alian, *kontakto*. Movi ien kaj returnen akran objekton, ungon, sur la surfaco de alia,

## INSTITUTO ESPAÑOL DE ESPERANTO

**Nuevos diplomados.** (*Cuarta lista*).—*De elementa kapableco:* 241. D. Juan Régulo Pérez (Santa Cruz de la Palma). (Diploma expedido el 15 de febrero de 1934, pero por error no se consignó a su debido tiempo).

*De supera kapableco:* 50. D. Gaspar Vilar Alicart (Valencia).—51. D. Francisco Llorens Martínez (Catarroja, Valencia).

**Nuevo institutano.**—Se propone a los miembros del Instituto el nombramiendo de *institutano* a favor de D. Samuel Roca y Rodó (Barcelona). Hasta fin de noviembre se recibirán votos, computándose las abstenciones como votos a favor.

Madrid, 7 de octubre de 1935.—El secretario, *Fernando Redondo*.

## EL ESPERANTISTA GAZETARO

**Pri Salvador de Madariaga.**—Salvador de Madariaga, la eminenta hispana ŝtatisto kaj pensulo, kiu aktuale ludas tiel malfacilan rolon en Ĝenevo, lastatempe faris tre pikan komparon pri la Eŭropa Spirito.

La geografio difinis la tri precipajn tipojn de eŭropa spirito, kiuj estas, laŭ Madariaga, la angla, la hispana kaj la rusa.

La angla kamparo estas malgranda, dolĉa, onda. Ne ekzistas vastaj perspektivoj. La elrigardon plue malhelpas nebulo. Tial la anglo neniam rigardas tre malproksimen antaŭ si. Lia metodo estas empirika, li atendas okazaĵojn antaŭ ol juĝi.

La hispana pejzaĝo estas etendita. La horizonto retiriĝas, sed ne ĝis la senfino, ĉar ĉiam estas blua monteto kiel limo. La atmosfero estas klara, sen duonombro. Nur suno kaj ombro. Pro tio la meditemo de la hispano interne de fiksitaj limoj kaj pro tio ankaŭ lia dogma sento laŭ klare difinitaj gustoj.

La rusa stepo etendita ĝis la senlimo, kun senfina ripeto produktas nefineblan fluon de ideoj kaj tiuj nedifinitaj konversacioj, kiuj havas nenian dialektikon, nenian videblan originon, nenian finecon, sed nur profundan homan intereson.

(El «European Herald», seslingva gazeto de Londono).

* * *

**Pri Lope de Vega.**—Sur «Flandra Esperantisto» ni legis artikolon de nia samasocianino Amalia Núñez Dubús (represita resume sur «Svenska Esperanto-Tidningen. La Espero» de Stockholm) pri la fama verkisto Lope de Vega, okaze de la tria jarcento de lia morto.

**Mizero en riĉeco.**—La komisiono por forigi malsaton, kiu laboras en Ĝenevo, aperigis raporton pri la mizero en la mondo. Laŭ la raporto dum la jaro 1934 mortis pro la malsato kaj sinmortigis pro la malsato 2 milionoj kvarcent miloj da homoj. Dum la sama jaro la kapitalistoj, pereigis 720 miloj vagonoj plenaj da vivbezonaĵoj por altigi la vendoprezojn kaj sekurigi siajn profitojn.

Se ni kalkulas laŭ minutoj tiam ni ricevas jenan rezulton:

Ĉiun minuton oni pereigis 20.000 kg. da tritiko;

Ĉiun minuton oni pereigis 2.000 kg. da rizo;

Ĉiun minuton oni pereigis 50 kg. da kafo;

Ĉiun minuton oni pereigis 110 kg. da konservaĵoj.

Dum tiu peniga laboro, kiun oni dank' al ĉiopova dio, sukcese finis, en la dia mondo okazis:

Ĉiun minuton mortis pro la malsato 30 homoj;

Ĉiun minuton pro la mizero kaj malsato sin mortigis 20 homoj (1).

Se la kapitalistoj disdonus la pereigitajn vivbezonaĵon al la malsatantoj, ili savus de morto pro la malsato ĉiun minuton 30 homojn.

(El «La Suda Stelo», monata organo de la esperanta movado en Jugoslavujo).

---

(1) Tiu kalkulo estas erara. Se dum unu jaro pereis 2.400.000 homoj, dum du minutoj pereis naŭ homoj ĉu pro malsato, ĉu pro memmortigo. (*Rim. de H. E.-G.*).

## ENLANDA KRONIKO

*Madrido.*—En la loko de la Asocio, S-ro. Fernando Soler komencis kurson por komencantoj, kaj S-ro. Vicente Inglada por progresintoj. En la Ateneo Científico y Literario, S-ro. Julio Mangada klarigas, kiel kutime, ankaŭ kurson.

Baldaŭ aperos nova eldono de la broŝuro «¿Qué es el Esperanto?» kun enhavoriĉaj esperant-hispana kaj hispan-esperanta vortaroj. Ĝia prezo estos relative tre malkara, proksimume du pesetoj, kaj por la heaanoj estos ankoraŭ plimalmultekosta.

* * *

*La gazetaro.*—Kelkaj samideanoj daŭrigas sian propagandon de Esperanto per la nacia gazetaro. Ni legas sur la ĵurnalo «El Noticiero», de Cartagena (numeroj de la 10ª, 13ª kaj 23ª de aŭgusto, kaj 10ª de septembro), interesajn artikolojn kaj novaĵojn publikigitajn de S-ro. F. Oliván, tiea delegito de U. E. A. Ankaŭ la monata revuo de Santander «Cultura» (numero de septembro) publikigas esperantan rubrikon kun novaĵoj de la «Grupo Infantil Esperantista» de tiu urbo.

Samideanoj de ĉiuj urboj: Imitu tiujn de Cartagena kaj Santander!

* * *

*Barcelono.*—La *Akademio Laborista Esperanto* jam eldonas sian oficialan bultenon prese. Ĝi estas nun okpaĝa monata gazeto verkita hispane (kastile), katalune kaj esperante. Ni gratulas tiun progresantan asocion.

## EKSTERLANDA KRONIKO

*La kongreso de Vieno.* — (Adreso: Esperanto-Kongreso Wien, I, Neue Burg).—Je la fino de septembro jam estis pli ol 1170 aliĝoj. La duan de oktobro komencis radio-esperanto kurso de la 18 h. 30 m. ĝis la 19 h. ĉiumerkrede (mezeŭropa tempo). Je la fino de la leciono (do, proksimume, je la 18 h. 50 aŭ 55 m.) oni komunikas informojn pri la kongreso kaj eventuale oni respondas demandojn.

Oni vendas tre belajn glumarkojn en kvin koloroj; 100 ekz. po 0'70 svisaj frankoj. Ankaŭ kongresafiŝojn; du ekzempleroj kune kun tri belegaj gvidlibretoj kontraŭ unu respondkupono.

Estas aranĝataj multaj karavanoj; unu el ili, de Franca Societo por propagando de Esperanto, 59, rue de Neuilly, Rosny-sous-Bois (Seine).

La Organiza Komitato skribas al ni:

«Ni skribis petskribon al la germana registaro, por ke ĝi permesu la partoprenon de la germanaj s-anoj en nia 28-a Universala Kongreso sen pago de la 1000-mark-imposto. Ankaŭ vi povas helpi en tiu afero al nia 28-a kaj samtempe al niaj germanaj s-anoj, kiuj vere sufiĉe suferas pro tio, ke la registaro ne sufiĉe ŝatas Esperanton. Vi povas helpi per tio, ke vi skribu al germana registaro pere de la ambasadoro aŭ konsulo germanaj en via ĉefurbo pri jenaj punktoj: 1) Ke la germana esperantistaro ĉiam estis en la unua vico de niaj pioniroj; 2) ke ili jam dum la milito kaj post la milito varbis kaj ankaŭ nun propagandas ege por sia gepatra lando pere de Esperanto; 3) ke vi estas certaj, ke la germana registaro permesos al la germanaj esperantistoj la partoprenon en la 28-a Universala Kongreso sen pago de la kutima 1000-mark-imposto, ĉar vi kiel esperantistoj el 40 landoj, de kiuj venos kelkmil da esperantistoj al la kongreso en Vieno, alie miros la germanajn fratojn kaj ne povus kompreni, kial la Alta germana registaro malpermesis la veturadon al kongreso, kies tendenco estas, alproksimigi la homojn kaj labori por la paco.

Ni petas, ke vi afable sendu al ni kaj al s-ano Kurt Walter, prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio, en Dresden-N 23, Burgsdorffstr. 30, kopion de via koncerna letero al la germana registaro.»

Ni esperas ke la hea'anoj atentos ĉi-tiun indikon.

---

## —o—o— IO EL ĈIO —o—o—

### LA KONGRESANOJ

A kaj B, du grupoj de samideanoj de ia hispana urbo, intencas iri en Barcelonon aŭtomobile la venontan printempon por ĉeesti la kongreson. La aŭtomobilo de la grupo A iros kun rapideco de 60 kilometroj ĉiuhore kaj revenos kun rapideco de 40 kilometroj. Tiu de la grupo B iros kaj revenos kun rapideco de 50 kilometroj. Kia grupo bezonos malpli da tempo por la iro kaj reveno entute?

* * *

### SEPLITERA URBO

Per unu litero de ĉiu tago de la semajno formu la nomon de ia eŭropa ĉefurbo.

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

* * *

### SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*Labirinta familio.*—O. estas mensogulo.

*Divenaĵo.*— $\frac{1089}{6801}$

* * *

Tokio, 26/7/35.

Estimataj sinjoroj:

Ni havas multe intereson pri la scienco de via lando, speciale, pri la scienco natura kaj matematiko. Ni volas do korespondi kun esperantistoj, sp. kun studentoj de via lando pri matematika kaj fizika temo, sed ĉar ni ne povas trovi ian nomon de tia studento en «LA ADRESARO INTERNACIA», ni petas ke via societo prezentos al ni kelkajn studentojn, kiuj havas intereson pri matematiko aŭ fiziko teoria kaj eksperimenta.

Ni estas 25-20 jaraj studentoj de branĉo scienca en IMPERIA

UNIVERSITATO DE TOKIO, kaj en nia SCIENCA RONDO estas kelkaj studentoj, kiuj povas legi aŭ skribi traktetojn de la angla, franca, germana, hispana, nederlanda kaj rusa lingvo. Ĉu vi ne bonvolus prezenti?

Kun antaŭdanko al via afableco.

Kun koraj salutoj, *SCIENCA RONDO.—Esperantista Grupo.— Scienca Branĉo de TEI-DAI.—Imperia Universitato de Tokio.*

Ni esperas ke iu aŭ kelkaj el la hea'anoj scienculoj respondos ĉi-tiun leteron.

* * *

## KOLEKTANTOJ EL LA TUTA MONDO

KOLEKTANTA RONDO liveras al siaj anoj la monatan bultenon «La Filatelisto Esperantista» kiu aperas depost jam 2 jaroj, adresojn de seriozaj kolektantoj ĉiulandaj, faciligas la aĉetadon de ĉiuj novaperintaĵoj per siaj filatelistaj oficejoj jam starigitaj en kelkaj landoj, senpagan anoncon en F. E., ktp.

Vi povas aliĝi al K. R. kontraŭ nur 2 frankoj svisaj aŭ egalvaloro aŭ 7 respondkuponoj (Por tiuj kiuj povas pagi nek per mono nek per respondkuponoj, ni akceptas bonajn F. M.—aerajn, jubileajn— en valoro 60 fr. laŭ Yvert).

Petu specimenon de nia bulteno kaj la regularon de K. R. kontraŭ respond-kupono al la sekretario:

R. MOUCHARD, 16, Rue Chaptal - LE HAVRE (Francujo).
Poŝtĉekkonto: ROUEN 245.74.

Aŭ al la sidejo: 30, Chemin Vert - DRANCY (Francujo).
Poŝtĉekkonto: R. MELO - Paris 393.20.

* * *

## MARISTA LIGO ESPERANTISTA

Plezure mi sciigas al ĉiuj maristoj-esperantistoj el Hispanujo pri la restarigo de Marista Ligo Esperantista, celanta disvastigi Esperanton kaj apliki ĝin ĉe la maristaj rondoj kaj inter la profesianoj dependantaj de la marveturado kaj de la ŝiptekniko, ĉu surmare ĉu surtere.

La membraro konsistas el:

a) Membroj, kiuj pagas ĉiujare 1 sv. fr. Li aldonu la afrankkoston por ricevi la jaran membro-karton.
b) Aktivaj membroj, kiuj pagas ĉiujare 2 sv. fr.
c) Subtenantaj membroj, kiuj pagas ĉiujare 10 sv. fr.

d) Grupoj, kiuj pagas minimume 2 1/2 sv. fr.

Informojn donas kaj ricevas kotizojn: FELICIANO OLIVÁN.—Delegito de U. E. A. kaj hispana delegito de M. L. E.—Str. Pérez Lurbe, 11, 2.°. CARTAGENA (Murcia).

Atentu! Sendu ĉiam poŝtmarkon por la respondoj!!

* * *

DEZIRAS KORESPONDI...—Paul Flötz (Felsenstrasse, 5, Halle a. S., Germanujo) kun hispanaj samideanoj por interŝanĝi poŝtmarkojn.

—R. G. Lees (4, Deaking street, Jarraville, Victoria, Aŭstralio), fervojisto, kun hispanoj por interŝanĝi poŝtkartojn, fotojn kaj gazetojn.

—Václav Šťáf, Mor. Ostrava, Sokolská 40. Ĉ. S. R. (Ĉeĥoslovakujo), kun poŝtmark kolektantoj por siaj kursanoj. Respondo garantiata.

—Hans Zimmermann, 26-jara (Solmstrasse, 39, v. III, Berlin, S. W. 29, Germanujo), pri ĉio sciinda, precipe pri arto, literaturo, ĵurnalismo, filozofio kaj naturbeleco, kun samideanoj, eĉ kun komencantoj.

* * *

IBERIA-ESPERANTO SERVO (Fernando Montserrat. Provenza, 75, Barcelona). Mendu librojn pri esperanto kaj esperantaĵojn. Petu katalogon. Lasta libro eldonata: «La Kongreso de Ripoll». 1,50 pesetoj ekzemplero.

* * *

Petu senpagan provnumeron de «De Ĉic», semajna internacia revuo eldonata de J. Schokker, Fagelstraat, 31, Amsterdam (Nederlando).

* * *

POŜTA ANGULO.—Por memorigi la ekspedicion Iglesias al Amazonujo aperis poŝtmarko tridekcentima, ruĝa; grando 23 × 30 mm. La bildo montras landkarton de Amazonujo kaj ŝipon.

* * *

## RESPONDOJ

*C. M.—Utiel.*—La adreso de la komerca ŝipkapitano, membro de H. E. A., estas D. José Efrén Pedraz, Travesía Sánchez de Porrua, 4. Santander.

# KATALUNA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

---

## ¡ ¡ AL FIN ! !

Esta es la exclamación que lanzamos jubilosos; ya tenemos portavoz; ya podemos cumplir y poner en práctica otro artículo de nuestro Reglamento y el más preciado de nuestros deseos: difundir y propagar el Esperanto entre los ferroviarios de todo el Mundo, establecer un lazo estrecho de unión entre ellos, hacer ver a nuestros compañeros de clase y profesión la utilidad que para ellos tiene nuestra Lengua, tener al corriente a todos desde estas páginas del movimiento y tráfico de los ferrocarriles en todo el mundo.

Para dar comienzo a esta tarea, empezaremos a publicar en el número próximo un importante trabajo; quizás por su extensión no sea posible publicarlo en un solo número; es una estadística sobre el desarrollo de los ferrocarriles en un país hacia el cual todos giran hoy sus ojos: la U. R. S. S.

Con este primer trabajo va un cordial saludo a todos los esperantistas del mundo, en particular a los ferroviarios, a la vez que un voto de gracias y reconocimiento a H. E. A., que, llevada de su amor por el ideal común de difusión de nuestra amada Lengua auxiliar internacional, ha tenido la gentileza de poner a nuestra disposición estas dos páginas de su órgano oficial HISPANA ESPERANTO-GAZETO.

LA DIRECTIVA

NOTA.—A todos los ferroviarios de Barcelona se les comunica que pueden asistir gratuitamente al curso de Esperanto abierto en el grupo «Barcelona Stelo», calle Aurora, 12, principal, los lunes, miércoles y viernes, de ocho a nueve de la noche.

---

## *REGLAMENTO DE LA LIGA DE FERROVIARIOS ESPERANTISTAS DE CATALUÑA*

*Objeto.*—Artículo 1.° La Liga de Ferroviarios Esperantistas de Cataluña tiene por objeto y finalidad la de difundir la lengua auxiliar internacional Esperanto entre la clase ferroviaria y sus similares, así como estrechar las relaciones entre todos los ferroviarios del Mundo.

Art. 2.° La Liga de Ferroviarios Esperantistas de Cataluña, para todos los efectos judiciales o administrativos, tendrá su domicilio en Barcelona, calle Riera Alta, 60-62, principal, tercero.

Art. 3.° La Liga de Ferroviarios Esperantistas de Cataluña no tiene ningún carácter político ni religioso, por lo cual no se mezclará en ningún asunto de esta índole, o que pueda derivar a ello.

Art. 4.° La Liga de Ferroviarios Esperantistas de Cataluña no podrá disolverse mientras haya diez miembros, por lo menos, que deseen su continuación.

*De los socios.*—Art. 5.° Podrán pertenecer a la Liga de Ferroviarios Esperantistas de Cataluña todos los empleados ferroviarios, tranviarios, sus similares y sus familiares directos.

Art. 6.° Los socios serán de cuatro clases: A) Socios numerarios. B) Socios adheridos. C) Socios protectores. D) Socios de honor.

Art. 7.° Serán socios numerarios, los ferroviarios, tranviarios o similares de ambos sexos que hagan donativos de dos pesetas anuales. Serán socios adheridos, los familiares directos de los socios numerarios, entendiéndose por tales los padres, esposas e hijos de los mismos, y harán el mismo donativo de los socios numerarios. Se considerarán socios protectores todos aquellos que abonen un donativo superior al fijado para los socios numerarios. Y, finalmente, serán socios de honor aquellos que por sus actos meritorios en favor de la Entidad, lo merecieran.

Art. 8.° Solamente podrá ser concedido el título de socio de honor a elementos propiamente ferroviarios o tranviarios, o bien que tengan alguna relación con los mismos, y los nombramientos deberán ser hechos por la Junta directiva, previa la aprobación de la Junta general.

*Del fondo social.*—Art. 9.° El fondo social se formará: A) Del importe de los donativos de todos los socios. B) Del importe de los donativos de las empresas o particulares que quieran asociarse a esta obra. C) Del importe de ingresos obtenidos por cualquier otro conducto de los mencionados.

Art. 10. El año económico empezará en 1.° de enero, y a los efectos del pago de los donativos, las adhesiones recibidas después del 30 de septiembre no surtirán efecto hasta el 1.° de enero próximo.

Art. 11. En caso de disolución de la Liga de Ferroviarios Esperantistas de Cataluña, los fondos y otros objetos que hubiere pasarán por partes iguales a la Asociación Española de Esperanto, a la Liga Española de Ferroviarios Esperantistas y a la Federación Catalana de Esperantistas.

*Del Comité.*—Art. 12. El Comité directivo estará formado por los siguientes cargos: Presidente, Vicepresidente, Secretario, Vicesecretario, Tesorero y cuatro Vocales.

(*Continuará.*)

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926